# La Lampiro

57-a jaro n-ro 141 2016:5



## La vojaĝo de la heroo

### Laŭ itinero de Joseph Campbell




# 10º Congresso Paulista de Esperanto

Realização e Coordenação




easp.org.br



Karagüatatuba E-Grupo

Apoio Estrutural



ILHABELA
CAPITAL DA VELA

Apoio Cultural



Brazila Esperanto-Ligo









KOVRILO

Kerna bildo kiu ilustras la strukturon de la vojaĝo de la heroo, de Joseph Campbell.

**LA LAMPIRO** *57-a jaro n-ro 141 2016:5*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikarango**: José Roberto Tenorio
**Revizianto**: José Dias Pinto

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

# easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro ................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
lunde kaj merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.

**Estraro**
**Prezidanto**: Genildo Martins Coelho
**Vicprezidanto**: Paulo Sergio Viana
**1-a Sekretariino**: Anna Lobo de Carvalho
**2-a Sekretariino**: Sidnéa da Conceição Beall
**1-a Kasisto**: José Roberto Tenorio
**2-a Kasistino**: Neide Aparecida de Freitas
**Propaganda Direktorino**: Maria Delza M. Jesus

**Konsilantaro**
Conceição Rodrigues, Audino Castelo Branco kaj Aparecida de Souza Araújo

**Anstataŭantoj**
Osvaldo P. de Holanda kaj José Martins Coelho

## ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

Jen ni prezentas kun kontento la kvinan numeron de La Lampiro en ĉi tiu jaro 2016. Mi skribas “kun kontento”, ĉar ni sukcesas ĝis nun plenumi nian intencon komence de la jaro: ses numeroj en unu jaro, kaj sufiĉe akurataj, laŭ la kalendaro.

“Kun kontento” tamen ne interpretiĝu kiel memflataĵo, tute ne!

Prefere komprenu ĝin kiel dankon. Ĉar ni sukcesas pro la bela, kompetenta kunlaboro de niaj verkemuloj.

Kiel vi povas facile konstati per trafoliumado (virtuala) de nia Lampiro, ni starigis diversajn rubrikojn, sub la trafa talento de diversaj rubrikistoj. Mi supozas, ke tio estas bona vojo kaj garantio por nia revuo. Sed ankaŭ okazaj kontribuantoj multe helpas. Antonia Sobral, Lilia Ledon, Leandro Abrão kaj José Mauro Progiante estas menciindaj kiel pensinstigaj teksto-produktantoj. Tia estu la celo de nia revuo: pensigi, per bona lingvaĵo kaj riĉa enhavo.

En ĉi tiu numero, ni salutas debut-anton en niaj paĝoj: Alencar Esmeraldo, kiu regalas nin per kortuŝaj rememoroj pri sia vivo kiel fajrobrigadisto. Mi esperas, ke li plu sendos al ni pliajn kontribuaĵojn.

Kaj vi, kara leganto, kiam vi sendos vian propran tekston por nia plezura legado?



# Vortoj de la Prezidanto

## Prof. Genildo Martins Coelho



Oktobro estas monato por kongresi en San-Paŭlo. Tempo por revidi amikojn, varmigi la koron, praktiki la lingvon, ĝui nian tute apartan etoson Esperantistan. La verda regiona popoleto kunsidas fervore, por ke ne fosvenu la bela Zamenhofa ide(al)o. Sed ne temas pri ofero aŭ penado. Male, temas pri feliĉa tempo.

Efektive, estas granda plezuro profiti de nia interesa, riĉa kulturo. Ni aŭskultas prelegojn, diskutas koridore, spektas kaj aŭskultas muzikon, aĉetas librojn kaj aliajn objektojn, interŝanĝas planojn kaj revojn. Kaj precipe ni entuziasme babilas kaj refortigas nian konvinkiĝon, ke la Zamenhofa ide(al)o meritas plu vivi kaj disvastiĝi. Kaj por tio, persona, vidalvida kunvivado estas signifoplena helpo al nia pli kaj pli virtuala, interreta vivo. Nenio estas pli korvarmiga ol vera manpremo kaj brakumo. Ĝis oktobro en Belinsulo!

# La vojaĝo de la Heroo

**José Mauro Progiante (Bauru-SP)**

Ĉiuj ni vivas en ordinara mondo, en ĉiutaga rutino. Multaj el ni jam vivis sufiĉe por sperti specialajn momentojn, en kiuj ni bezonis fari gravajn decidojn. Tiam ni ricevis konsilojn, avertojn, kaj plurfoje rezistis la puŝon al tutnovaj situacioj, kiuj ĵetus nin en eksterordinaran, nekonatan mondon.


Joseph Campbell




Ĉu estas simileco inter niaj vivoj kaj la holivudaj filmoj, klasikaj romanoj aŭ mitoj de antikvaj civilizacioj?

Ni memoru pri Frodo, protagonisto de *la La Mastro de l' Ringoj*, verko de J. R. R. Tolkien. Frodo vivis trankvile en sia vilaĝo kaj subite okazis neatendita ŝanĝo en lia vivo. Unu tagon li malkovris, ke la ringo, kiun li havas, donaco de lia onklo, estas magia objekto, serĉata de la terura Saŭrono. Tiam li eksciis, ke li havas gravan mision: porti la ringon tra la tuta Mez-Tero, por ĝin detrui en la Fendaĵoj de l' Destino kaj tiel eviti, ke la mondo estu regata de Saŭrono.

Post longa hezitado kaj konsiloj de la sorĉisto Gandalfo, li akceptis la mision. Transpasinte la limojn de sia hejmlando, li lasis sian ordinaran mondon. En la nova, nekonata, eksterordinara mondo, li trovis multegajn danĝerojn kaj travivis mirigajn aventurojn. Fine, post kiam li alfrontis multfoje eĉ la morton, Frodo revenis en sian naskiĝejon, tamen en tute nova stato. Li ne plu estis simpla vilaĝano, li estis vera heroo.

Joseph Campbell (1904-1987), fama mitologo, komparis mitojn de diversaj epokoj kaj popoloj, kaj trovis en ili ian universalan trajton: ili priskribas tion, kion Campbell nomas *monomito* aŭ *la vojaĝo de la heroo*. En sia libro "La Heroo de Mil Vizaĝoj" (1949), Campbell dividis la vojaĝon de la heroo en tri partojn: ekiro/apartiĝo, malsupreniro/inicado kaj reveno. En la unua parto, la heroo estas trafita de la alvoko, hezitas, ricevas supernaturan helpon por decidi kaj transpasas la sojlon de la nova mondo. En la dua parto, li eniras la ventron de la baleno kaj estas submetata al malfacilaj provoj kaj tentoj, inter amikoj kaj malamikoj, ĝis plej danĝera defio, el kiu li glore eliras kiel venkinto, apoteoze. Kaj

en la tria parto, la heroo, tuj post sia transformiĝo, rifuzas la neceson reveni, tamen poste konvinkiĝas pri tio kaj transpasas la sojlon de sia antaŭa mondo, portante la eliksiron, fariĝinte mastro de du mondoj (la interna kaj la ekstera) kaj libera por vivi tutplene.

Surbaze de la konkludoj de Campbell, verkistoj, scenaristoj kaj aliaj kreantoj adoptis la strukturon de la monomito por krei allogajn romanojn, filmojn, bildrakontojn kaj elektronikajn ludojn. *Harry Potter, Matrico (Matrix), Stelmilitoj (Star Wars)* kaj *Malsatludoj (Hunger Games*, portugallingve *Jogos Vorazes*) estas kelkaj ekzemploj de tiaj fikciaj rakontoj. Verdire la aŭtoroj kutime ne reproduktas en siaj verkoj ĉiujn etapojn de la vojaĝo de la heroo aŭ ne obeas la saman ordon prezentitan de Campbell, tamen eblas rekoni en ili strukturon de la monomito kaj ties arketipoj.

Oni diras, ke la studado de ĉi tiu temo havas du oftajn konsekvencojn: unue, ĝi draste ŝanĝas nian manieron legi romanojn kaj spekti filmojn, ĉar ni ekemas serĉi en la rakonto la diversajn etapojn de la heroa vojaĝo; due, ni komencas rigardi la faktojn de nia vivo per lensoj de potenciala heroo.



# Kino kaj aliaj artoj

## Filmo-recenzo: La ŝaŭmo de l' tagoj

Anna Lobo (São Paulo-SP)




**Nomo**: L'écume des jours
**Filmodaŭro**: 2h11min
**Reĝisoro**: Michel Godoy
**Aktoroj**: Audrey Tatou, Romain Duris, Gad Elmaleh, Omar Sy
**Nacio**: Francio

Tiu ĉi franca filmo estas tia ke aŭ oni amas aŭ vere malamas. Ĝi estas bazita sur samnoma romano de Boris Paul Vian, kaj tiu romano inspiris pliajn du filmojn kaj unu operon.

La historio estas vere simpla: Viro konas virinon, ili pasiiĝas, kaj pro subita malsaniĝo de la ino la rilato skuiĝas. Tre simpla kaj klara. Sed jam de la komenco oni rimarkas ke la filmo ne estas ordinara.

La direktoro de la filmo ŝajnas krei fantazian realecon, kun tre elvokivaj objektoj, flugantaj nuboj, piano kiu kreas drinkaĵojn laŭ la muziko, kuremaj sonoriloj, kaj aliaj aferoj. Ĝi aspektas kvazaŭ movdesegna karikaturaĵo, en kiu ĉio eblas okazi. Kaj tio donas ian grandan senton de hazardeco, la historio sekvas sen ke oni estas certa pri la celo aŭ la fino de a roloj.

Do, la ĉefa rolulo, Colin, estas ege riĉa kaj kiam li vidas ke lia amiko Chick trovis Alise, li decidas ankaŭ pasiiĝi. Poste en festo Colin trovas Chloé kaj ili pasiiĝas. La filmo estas ege bunta, kolora kaj riĉa en tiu unua parto. Sed, dum la mielluna vojaĝo de la la novaj geedzoj, Chloé enspiras semon kaj tiam floro ekkreskas en ŝia brusto. Kaj de tiam iom post iom la filmo nigriĝas, ĝis la fino. Ŝajne la medio, la ĉirkaŭo estas influata de tio kio okazas mense kaj korpe.

Mi ege ĝuis spekti tiun ĉi filmon, ne nur pro la filmo mem sed ankaŭ pro tio ke en ĝi rolas aktorino, kiu ege plaĉas al mi: Audrey Tatou. Ŝi ege brile rolas en la filmo, la direktoro ne povus elekti pli bonan por roli kiel Chloé.

La fimo, por nun, troveblas en Netflix! Ĝi foje ĝisdatigas la liston, kaj oni neniam scias kiam la filmo estos forigita aŭ enmetita. Do, mi instigas al vi spekti tiun ĉi magian filmon, kaj decidi vi mem — ĉu vi ĝin amas aŭ malamas? Bonan spektadon.

# Eduki por la vivo

## Rigardi transen

**Dirce Sales (Rio de Janeiro-RJ)**

Ricevi tiun junulon en mia klasĉambro donus al mi senĉesajn okazojn lerni pri la kapablo vidi trans la limoj kaj etiketoj truditaj de aliuloj al ni.



La sinsekvaj neoj ricevitaj tra la vivo, foje malkuraĝigas nin lukti kaj montri al la mondo niajn talentojn kaj kapablojn, laŭ la ekzemplo de tiu speciala lernanto, kiu restis je la tria klaso dum tri jaroj, ĉar la instruistinoj opiniis ke li, pro la surdeco, ne estis kapabla legi kaj skribi...

Mi, rapide analizis la fortajn kaj malfortajn punktojn de mia nova lernanto kaj per trafaj ekzercoj kaj taŭgaj stimuloj, preparis lian aprobon al la 4a klaso, je la fino de tiu jaro.

Edalmo. Tiel li nomiĝis. Afabla, bela kaj tre bonedukita homo, tuj konkeris la simpation de ĉiuj.

Iam li informis al mi sian deziron lerni pri aŭtomobil-meĥanikon.

Per letereto sendita al lia onklo, responsulo pri nia junulo, mi petis lian ĉeeston je la sekva tago, en nia lernejo...

Kiam mi klarigis la motivon, la viro malfermis la buŝon kaj la okulojn, ne kredante je tio, kion li aŭdis.

— Sed li estas surda, instruistino!

— Mi ne vidas problemon pri tiu fakto. Faru la jenon: konduku lin al la aŭtoriparejo, permesu, ke li spertu kaj konkretigu sian deziron. Se ne okazos aprobo, almenaŭ li havos okazon realigi tiun volon, noblan volon, cetere.

La onklo konsentis kaj apogis. Du monatojn poste, li revenis al mi por informi pri la sukceso de la nevo, la kontenteco de la mastro de la aŭtoriparejo kaj la surprizo de la familio pri la kapablo de la junulo.

Je la sekvanta jaro, kiam Edalmo estis aprobita al la 5-a klaso, li deziris labori profesie kaj denove mi estis la perantino inter lia deziro kaj la familia permeso.

Kaj jen nia obstina lernanto, laboranta en granda firmao pri medikamentoj unue kiel stokisto, poste kiel kontrolisto, ktp kaj ĉiam konkeranta la admiron kaj konfidon de ĉiuj.

Li neniam malvigliĝis.

Kiam li atingis la lastan gimnazian klason, spite la kontraŭan supozon de ĉiuj, Edalmo deziris daŭrigi la studojn kaj tiel okazis. Jen li do en la tiel nomata dua grado, sed en alia kvartalo, tute for de nia ĉiutaga laboro.

Kaj pro tio, pionire, la speciala skipo, kiu akompanis kaj apogis la studentojn nur dum la fundamenta kurso, decidis pli ampleksigi la

*(Daŭrigota sur la paĝo 22)*

# Rememoroj de fajrobrigadisto

Alencar Esmeraldo (Mogi das Cruzes-SP)

Mi estis 29-jara junulo, kiam mi envenis en la Fajrobrigadon, mi raviĝis pro tiuj ruĝaj veturiloj, pro tiu uniformo kun simbolo de vivosavo.



Pasis 30 jaroj, kaj mi daŭre vidas kaj konservas en mi tiun belan bataladon inter vivo kaj morto. En ĉiu momento de mia vivo kiel fajro-brigadisto, mi estis ĉiam senlaca, en ĉiu incendio, en kiu mi agis, mi vidis mian malamikon kaj kontraŭ tiu mi luktis, per akvo aŭ per aliaj fajro-estingiloj. Tiu fajro konsumis tutajn vivojn, tutajn historiojn, kaj dum mi klopodis estingi ĝin, mi vidis sur la mieno de la viktimo la malĝojon perdi sian posedaĵon, sian vivon, sian historion.

Mi laboris ankaŭ en veturilo konata kiel savanto. En tia veturilo troviĝas diversaj materialoj, kiuj taŭgas por liberigi viktimojn de trafikakaj kaj aliaj akcidentoj.

Mi memoras okazaĵon, kiujn mi prizorgis. Foje mi iris kun mia labor-grupo por zorgi pri trafikakcidento sur Ŝoseo Mogi-Bertioga, kaj kiam mi alvenis, mi vidis la ŝoforon klinita sur la stirilo de sia aŭtomobilo. Ni tuj komencis la agojn por liberigo de la ŝoforo, akorde kun nia trejniĝo.

Dum tiu agado, io min kortuŝis. Mi rigardis al la trotuaro kaj mi vidis, ke sur ĝi sidas 15-jara knabo, kun la kapo malsupren klinita, sen larmoj sed kun aflikt-egita koro. Li rigardis min en la okulojn kaj petis, ordone: "Ne permesu, ke mia patro mortu, savu mian patron".

Kia malĝojo, kiom da ĉagreno tiumomente venis en mian menson, kiom da senpoveco, ĉar la malbona afero jam estis senrimeda.

Per tia veturilo ni ofte prizorgas viktimojn de drono. Ne malofte ni ekiris matene, je la komenco ne nia deĵoro, kaj ni revenis el lago, el rivero aŭ akvo-deponejo, kien ni plonĝis por serĉi korpojn de adoleskantoj, kiuj ofte riske mergiĝas en nekonatan akvon, foje eĉ ne scipovante naĝi.

Plurfoje ni faris tion, kaj ni ĉiam sukcesis elpreni tiujn senvivajn korpojn, por transdono al iliaj familianoj.

Tiucela rimedo estis savoveturilo, kiujn ni multfoje uzis per teknika spert-iĝo rezulta de longa studado.

Kiom da urĝaj akuŝoj ni faris, kiom da korpulmo-revivigoj, kiomfoje ni mal-obstrukciis spirvojojn, krom aliaj klini-kaj urĝaj situacioj.



# Ĉu poezio necesas?

## Sylla Chaves

**Maria Nazaré Laroca (Juiz de Fora-MG)**

Hodiaŭ ni prezentas modestan omaĝon al nia karmemora Sylla M. Chaves (1929-2009): plej eminenta kaj klera brazila esperantisto. Poligloto, premiita poeto, vigla pedagogo, li estis membro de la Akademio de Esperanto (1986-1996) kaj Honora Membro de UEA ekde 1992. Profesie li laboris ĉe Unuiĝintaj Nacioj, en Novjorko, ĉe Unesko en Parizo kaj kiel profesoro en la Brazila Lernejo pri Publika Administrado en Rio.



*Sylla Chaves*

El la bela antologio "Brazila Esperanta Parnaso" (2007), organizita de Sylla Chaves kaj Neide Barros Rego, ni plukas tian konfeson, kiu montras la zamenhofan animon de Sylla:

"Mia intenco ne estas prezenti plian poemaron, verkitan de pluraj lertaj poetoj, ĉar jam ekzistas sufiĉaj. Nek pruvi, ke Brazilo meritas elstaran lokon en la Esperanta Parnaso. Mia celo estas pli ambicia. Mi volas montri, ke inter brazilaj poetoj (esperantistaj aŭ ne) estas multaj, kiuj, krom belecon celas ankaŭ la ekeston de pli bona mondo malpli egoisma, pli paca, pli justa, pli tolerema, pli racia kaj pli amika al la naturo, kiu nin ĉirkaŭas."

Kun ĝojo ni regalas la legantojn per pecoj el lia impona majstroverko, nome "Homara epopeo — Kanto I", premiita en la Belartaj Konkursoj per la Unua Premio de Poezio, 1962:

**Homara epopeo - Kanto I** (elprenoj)

1.
Nek glavojn, nek mondestrojn mi salutas,
Kiel poetoj praaj altvaloraj
Laŭdintaj la kruelon, kiu brutas
Je nomo de la moŝtoj falsagloraj.
Plejofte pri humil' intence mutas
La epopeoj, ekde tempoj foraj,
Sed kantos mi, se helpos Di' kaj verso,
La gloron de l' popol' de l' Universo.

2.
Ne belo de la monda tragedio
Dum urbojn lekas fajre ruĝa lango,
Nek pompo de venkanta religio
Trudinta veron per la ver' de sango,
Nek disflamiĝ' nedaŭra de nacio
Ĉirkaŭenvoje kiel Mars-lavango
Inspiros min, sed tia hom-aŭdaco
Gvidanta l' mondon per la lum' de paco.

3.
Silentu, kantoj de naci-supero
Tre malproksimen flagojn dissemante
Trans ocean’ militoj kaj mizero,
Sentime, senpardone, vane, vante!
Heroojn klanajn de la tuta tero
Pli granda, vera glor’ balau kante!
Silentu nun, eksmastroj de l’ destin’,
Ĉar la popol’ libera levas sin!

4.
Vi, muzoj, helpu min, kiuj min gvidas
De la naskiĝ’ kaj gvidos ĝis la morto;
Per kies helpo frazoj ploras, ridas,
Kantadas, tondras tra l’ potenc’ de vorto.
Min helpu per inspir’, kiu senbridas,
Galopas, flugas ja kun tia forto,
Ke ne rezistos ras- aŭ klasobaro
Ĝenanta la progreson de l’ homaro.
(...)

9.
Kaj Vi, eterna Forto kaj Mistero
Reganta majstre, orde, super ĉio,
– Allah’, Jehovo, Brahmo, Jupitero,
Natur’, Kreivo, Budho, Zeŭs’ aŭ Dio –
Vi, nura reĝo vera de la tero,
Pro kies manko tuta materio
Silentas, ombras, stagnas aŭ diskrevas,
Al Vi, Sinjoro, mia voĉ’ sin levas.

10.
Vi, ĉiam sama fort’ kun nomoj pluraj,
Ĉu unusola, du-, tri- aŭ multopa;
Vi, kiun disheroldas bonaŭguraj
Profetoj de Azi’ kaj pens’ eŭropa;
Vi, kies revelaci-vortoj puraj
Disformojn gajnis, ĉu en buŝo popa,
Aŭ de rabeno, ĉu en skrib’ korana
Aŭ encickliko katolikromana;

11.
Vi, kies leĝon l’ Univers’ obeas
– Atomo, stel’, senfino, morto, vivo,
Kreduloj, kiel tiuj, kiuj neas,
Sed kiujn mastras Via direktivo;
Vi, kiu nin detruas kaj nin kreas
Laŭ Via nura volo kaj motivo
– Ne gravas nia scio aŭ nesci’;
Vi ĉiam nepre regas super ni.

12.
De tuta vero estas Vi la fonto,
Sed ni , etuloj, dise ĝin ricevis
En Mekko, Betleĥem’ Sinaja Monto,
Kaj ĉie ajn, kaj ĝin kunligi devis.
La tuto disis – nekaptebla ponto
Al la senfino; kapoj preskaŭ krevis;
Kaj ju pli ŝajnas proksimiĝi l’ solvo,
Des pli ni scias, ke ni estas polvo.
(...)

26.
Kaj vi, leganto – hindo aŭ kroato,
Arabo, svedo, maori’ aŭ polo -,
Vi, ero de la granda ĉeno, frato
De mia kri’ en nuna kunizolo,
Vi, heroido (kvankam nekonato),
Ĉar ĉiam idas de hero’ popolo,
Fidelu al la sem’ de l’ origin’:
Kun amo en la kor’, aŭskultu min!

27.
Aŭskultu, kaj ni ambaŭ surgenuu
Antaŭ l’ altaro de l’ prauloj grandaj,
Petante, ke la verk’ ilia pluu
Kaj ĝin neniam ĝenu baroj landaj,
Kaj ke la tuta mondo iam ĝuu
Alvenon al progresaj foroj strandaj
Post tiu longa, daŭra ir’ senpara
– La nuna, vera Odise’ homara.

*(Daŭrigota sur la paĝo 22)*

# El la pasinteco, tutkore.

## Idealismo

**James Piton (Paulínia-SP)**




*Belga poŝtkarto el 1904*

Ĉiuj esperantistoj pli ol unu fojon estis akuzitaj (kaj estas akuzataj) je troa idealismo. Revemuloj, kiuj aspiras al mondo nerealigebla, utopio. Tuta numero de "La Lampiro" ne sufiĉus por aperigi ĉiujn poŝtkartojn eldonitajn por reprezenti tiun nian idealismon kaj esperon.

La "interna ideo" datas de niaj pioniraj samlingvanoj kaj bildoj pri ideala mondo estas facile trovataj. Ekzemple, sur belga frua poŝtkarto el 1904 kun titolo "Al la Paco per Interkomprenebleco", plektitaj manoj de militistoj de pluraj landoj montras saluton ĉe landlima ŝtona marko, sub Esperanto-suno, kiu plurlingve elradias la vorton "Lingvo".

Tiam la du plej grandaj militoj de la homaro eĉ ne estis imageblaj...

Mekanikaj armiloj, kiuj rapidigis, multobligis kaj levis al la ĉielo la detruan povon, nur dek jarojn poste montriĝos al la mondo, kiam ĉevaltaĉmentojn mortefike anstataŭis tankoj kaj aviadiloj.

Regeblaj flugmaŝinoj, tiam ĵusa teknologia konkero, estas cetere montrataj lige al idealismo. Se io delonge revata de la homaro (sukcesaj kaj planeblaj flugoj) jam fariĝis realaĵo, kial ne same okazos pri internacia lingvo? "Ĉiam pli antaŭen! Ĉiam pli alten!" tekstas franca bildkarto el ĉ. 1910, kun frua zepelino subskribita de desegnisto "Adesmales". Tiuj kartoj estis presitaj kaj akvarele unuope mankolorigitaj de Alice Farges, konata kartoeldonisto el Lyon, Francio.

Ĉu nia ekzisto kiel lingvo-komunumo ne estas pravigebla nur per plurnacia parolantaro? La idealismaj bildoj tion ofte memorigis, ekzemple tre bela kolora germana poŝtkarto el 1905, kun strofo de la idealeca "La Espero". Ĝin kronas ŝablona bildo de baratano sur elefanto, arabo sur kamelo, usona indiano, afrikano, ĉiuj benataj de ĝi, diineca Espero en mitologia vizio de Valhalo. Simila karto de alia germana eldonejo havas la samajn figurojn kaj etoson, kun aldona politika tono sub la diina trono:




*Franca poŝtkarto el ĉ. 1910*

la slogano "Gelaboristoj de ĉiuj landoj, unuigu vin!" spitetas nian proverban neŭtralecon.

Malpli pompaj kaj pli pimpaj estas plurnacianoj ligitaj de verda stelo, ĉiu el ili kun litero de E-S-P-E-R-A-N-T-O en la buŝo. Aŭ terglobanoj kun titolo "Ho, ĝojo! La tuta mondo parolas esperanton. Koran bonvenon, frato! Vivu Esperanto!" (ĉ. 1908).

Ambaŭ estas francaj samepokaj poŝtkartoj, ĝuste de la pragmatismaj francoj, kiuj ĝis proksimume tiu jaro havis ĉe "markizo" De Beaufront grandan movadan korifeon, por kiu internacia lingvo estu ne pli ol... lingvo.

Supozeble ĉefe pro tio lia Ido neniam vere alte flugis kaj nur vegetas.

Ni pli kaj pli donu al Esperanto la praktikan aplikon, kiu pluvivigis ĝin en ĉiu jardeko. Tamen ne indas forgesi la esperon, kiu portis la lingvon al la nuntempo kaj ĉiutage pelas nin. Ĉu oni ne ellitiĝas kun la espero/certeco postvivi ĉiun tagon?



Poŝtkarto el ĉ. 1908



Germana poŝtkarto el 1905



Poŝtkarto el ĉ. 1908



Poŝtkarto el tiama germana eldonejo

# Artistoj en San-Paŭlo

## Hilda Hilst

Ŝi naskiĝis en la urbo Jaú/SP, en la jaro 1930. Ankaŭ ŝia patro, Apolônio de Almeida Prado Hilst, estis poeto kaj eseisto, al kiu oni atribuis la diagnozon skizofrenio. Hilda estis de la infana tempo brila lernanto. Ŝi studis juron kaj en 1950 publikigis sian unuan libron, "Presságio" (Antaŭsento), kiun oni akceptis kun entuziasmo. Sekvis vasta verkaro. Ŝi pasigis tumultan socian vivon en San-Paŭlo, sed post la jaro 1966 ŝi translokiĝis al la urbo Campinas, kie ŝi konstruigis "Sunan Domon". Tie ŝi pasigis sian tutan pluan vivon. Tie nuntempe funkcias Instituto Hilda Hilst. Ŝi forpasis en la jaro 2004.

Hilda Hilst estis poeto, fikciisto, kronikisto, dramisto, tradukisto. Multaj kritikistoj konsideras ŝin unu el la plej altvaloraj verkistoj en la portugala lingvo, en la 20-a jarcento.

Ŝi ricevis diversajn literaturajn premiojn, inkluzive de la fama Premio Jabuti. Oni tradukis verkojn de Hilda Hilst al la franca, angla, itala kaj germana lingvoj.


*Hilda Hilst (1930-2004)*

DEK ALVOKOJ AL LA AMIKO

Se mi aspektas al vi nokteca kaj neperfekta
Tiam rigardu min denove. Ĉar ĉi-nokte
Mi rigardis min mem, kiel se vi rigardus min.
Kaj estis, kiel se la akvo
Dezirus

Eskapi el sia hejmo kiu estas la rivero
Kaj nur glitus, ne tuŝante la bordon.

Mi rigardis vin. Kaj de tre longa tempo
Mi komprenas, ke mi estas grundo.
De longa tempo mi atendas
Ke via akva korpo pli frata
Etendiĝu sur la mia. Paŝtisto kaj ŝipano

Rigardu min denove. Malpli fiere.
Kaj pli atente.

# Ni estas Eva kaj Pandora

**Lilia Ledon (São Paulo-SP)**

La unua virino: Eva, kreita de Dio laŭ la Biblio; Pandora, kreita de Zeŭso laŭ la greka mitologio. Ambaŭ malobeis siajn kreintojn, la unua manĝante frukton el la arbo de sciado, la dua malfermante kruĉon kaj tiel liberigante ĉiujn malbonaĵojn. Por Dio, ĉioscia kaj ĉiopova, ama kaj pardonema, la peko de sia ina kreitaĵo laŭ instigo de sia alia kreitaĵo, t.e. la serpento, certe ne estis neatenditaĵo. Zeŭso mem antaŭplanis scivolemegon ĉe Pandora, kiu do ne povintus eviti esti tia, kia ŝi estis, kaj tiel realigi lian malican kaŝintencon.



*Venuso el Vilendorfo*

La homoj alfrontas gravajn problemojn rilatantajn al sinteno. Ili tre fieras diferenciĝi de la ceteraj vivuloj, laŭ ili dank'al racio. Tamen eĉ sciencistoj konfesas ke elstaraj malkovroj devenas de intuicio, kaj hazardo, kaj tute neraciaj kaj nesciencaj neklarigeblaĵoj. Do, kun mia tuta modesteco, mi aŭdacos intuicie situigi la distingan trajton je konscio (arboj arbas, katoj katas, nur homoj konscias ke ili devas homi). Kaj plena konscio simple ne povas konduki al fiero kaj orgojlo, nur al humileco, dankemo, paco, kunpartigo kaj ĝojo.

Malfeliĉe nia racio kaj nia konscio estas je la servo de niaj pasioj centritaj sur nia egoista egoo. Kiu ne ĉesas voli, kaj anstataŭi dio(j)n, dum sufiĉus akcepti, kaj fidi al supera(j) iu(j), kiu(j) ĉiamaniere estas ni, en ni, kun ni, dank'al ni! Ni mem kreis niajn diojn kaj eltrovis diajn leĝojn laŭ kompleksa sistemo de simboloj, inter kiuj troviĝas vortoj.

Tiel ke oni diras ion kaj pensas aŭ faras la malon. "Mi estas Charlie" signifas "mi estas kontraŭ [propekajn kaprojn: teroristojn, ekzemple]" ĉar la homoj kiuj svingas la sloganon eĉ ne legas, ne ŝatas la gazeton, sed pretas tuj neniigi la "kulpulojn". Ni uzas vortojn kaj farojn sen kompreni tion, kion ili simbolas kaj kio estas ĝuste tio, pro kio la vortoj kaj faroj ekzistas. Nia amo, solidaro, unuiĝo havas egoajn kriteriojn, same kiel niaj dioj kaj ties leĝoj. Same kiel nia Bono kaj nia Malbono kaj nia Homara Evoluo.

Ni ne diras tion, sed "Ni estas Eva kaj Pandora". Ni sekvas nian destinon, nia volo estas ĉefe ŝajna kaj nia egoo nura rezulto de ĉiaspecaj manipuladoj. (Mem)konscio nepre al ni rememorigu ke nia vivo fontas el pura energio, kiu nutras nin tiom esence, ke simple sengravas la putra pomo de ĉioscio kaj la detruaj riĉaĵoj tiom allogaj en kaj ekster la skatolo aŭ ĵaro. Tie postrestis nur la espero. Ĉiam kun mia tuta modesteco, mi esperas, ke ni konscie silentigos nian egoon por agnoski nian humanan fiaskon kaj intuicie redonos nian kvanton da libervolo al la Saĝo de l'Universo.



# Eŭreka!
## Ĝenerala relativeco

**Luis Guilherme Souto Jardim (Charqueada-SP)**
Mag. Interlingvistiko kaj Esperantologio UAM

### KIO ESTAS GRAVITO?
***Spaco kaj tempo kurbigitaj***



Dek jaroj pasis ekde kiam Einstein ŝancelis la sciencan mondon per siaj tri artikoloj pri la browniana movado, fotonoj, kaj speciala relativeco. Li estis elirinta el la departemento pri patentoj, kaj sin dediĉis al matematiko tuttempe. Lia famo estis grandega, sed certe eĉ li mem ne kapablus produkti ion tiel revolucian. Tamen, tio estis, kion li faris per sia tute nova teorio pri gravito.

La fama teorio de Newton enhavas interne problemon. Ĝi nomas graviton "forto" kiujn la objektoj kaŭzas, unuj sur aliajn, distance. Sed kial eblas la forto de gravito esti transsendita tra la intera spaco? Pri tiu temo, la propra Newton restis malkontenta. Krom tio, malgranda anomalio ne obeas la teorion: la movado de la planedo Merkuro ne sekvas fidele la vojon, kiun Newton antaŭdiris.

Einstein aplikis sian intelekton al la problemo kaj havis ian subitan inspiron. "Venis al mi, tiam, la penso plej feliĉa de mia vivo", li skribis poste, *"kial al unu observanto kiu falas de tegmento, libere – almenaŭ en siaj proksimaj ĉirkaŭaĵoj – ne ekzistas gravita kampo*". Se vi saltus de la tegmento de via domo, vi troviĝos komplete senpeza ĝis atingi la plankon. Do diris Einstein, la gravito ne estas ia forto, sed distordiĝo de la spaco-tempo. Se vi uzus geometrion ne kun tri, sed kun kvar dimensioj (tri spacaj kaj unu tempa), vi kapablus elmontri ke la planedoj, kiuj rondiras la Sunon (ekzemple) moviĝas vere rekte! La maso de la suno kurbigas la spacon kaj la tempon en ilia ĉirkaŭaĵo tiamaniere ke la irvojo de la planedoj ŝajnas kurbaj. Estas simile kiam ni observas la ombron de iu aviadilo fluganta super monteto. La ombron faras kurban vojon kiu sekvas la ondumojn de la tereno, dum la aviadilo vere estas fluganta rektlinie. Kiam Einstein faris siajn kalkulojn tuj li perceptis, ke lia nova teorio ne nur kongruis kun ĉio, kion diris la teorio de Newton, sed ankaŭ klarigis la orbiton de la planedo Merkuro. Kontentega, tuj li publikigis alian el siaj mallongaj famaj tekstoj.

*(Daŭras sekvapaĝe)*

# Iom pri muziko

## Amo-muziko

Alfredo Aragón (Rio de Janeiro-RJ)

Alproksimiĝas la fino de la 19-a jarcento, la muziko floras romantike, multaj komponistoj forpasas, sed iliaj verkoj plu vivas. Samtempe estas horoj por naskoj, naskiĝis multaj gravaj aferoj por la homaro: energio kaj lumo, tujaj komunikiloj, meĥanikaj transportoj, lingvoj, volapuk. Kaj ni estas en la jaro 1887, kiam naskiĝas Esperanto kaj la plej grava komponisto en Ameriko, lian nomon ni mencias riverence: Heitor Villa-Lobos.

Filo de Noêmia Monteiro kaj Raul Villa-Lobos, lian naskiĝdaton, la 5-an de marto, kiel omaĝon en Brazilo, oni festas, kiel tagon de la klasika muziko. Lia patro, oficisto en la Nacia Biblioteko kaj ne profesia muzikisto, enkondukis lin en la konon de muziko, iom kontraŭ la patrina decido, kiu deziris, ke li fariĝu kuracisto.

Preskaŭ ne konata, kaj eĉ ne rekonata kiel gravulo en Brazilo, Villa-Lobos estas konata en Eŭropo kaj Usono ne nur pro la grandega kvanto da verkoj, kiujn li komponis, sed precipe pro la aŭdaco kaj pionira enkonduko de pluraj novaĵoj en la muziko kaj formoj, ĉu pere de perkutaj instrumentoj de indiĝenaj brazilanoj, ĉu ankaŭ pro enkonduko de la homa voĉo kiel plia instrumento en la simfoniorkestro. Eĉ la koruso rolas malsame, multe pli laŭ ritmo ol por kanzoni poemojn.

Kiel atendide, la plejmulto el la personoj trovis malfacilecon akcepti la teorion de Ĝenerala Relativeco, kiu ŝajne kontraŭas nian intuicion. Sed ĝia apliko estas ree pruvita korekta. Eble la pruvo plej konvinka de la Ĝenerala Relativeco estas la Globa Lokiga Sistemo (GPS), kiu informos vian ekzaktan lokon sur la tersurfaco, kun maksimuma eraro de malmultaj metroj, pro la ricevo de signalo de satelito, kiu iras kelkajn milojn da kilometroj alte. Por tia funkciado, la satelito bezonas transsendi unu signalon donante sian ekzaktan pozicion, tiel kiel la precizan horaron. Tamen, laŭ Einstein, la satelito, pro la distanco de la tera centro de gravito, moviĝas en tempo iomente pli malrapida ol nia, ĉi tie sur la grundo. Do la horloĝo, kiun la satelito portas devas esti alĝustigita por labori iomete pli rapide por kompensi la diferencon. Kontraŭe, nia legado de la GPS riceviloj estus erara plurajn metrojn.

*A. Einstein, Prussisĉe Akademie der Wissensĉaft, p 844 (1915)*



# Naturaj matematikaĵoj

**José Mauro Progiante (Bauru-SP)**



Galilejo diris, ke matematiko estas la alfabeto, per kiu Dio skribis la universon. Konfirmas tion multaj fenomenoj kaj formoj troveblaj en ĉiuj naturaj regnoj.

En la antikveco, la romia arkitekto Vitruvio prezentis studon pri la proporcioj de la homa korpo. Li montris, ekzemple, ke la distanco de la mezo de la torako ĝis la kaposupro estas kvarono de la staturo.

Post jarcentoj, en la Renesanco, Leonardo da Vinci inspiriĝis en Vitruvio por desegni la faman vitruvian homon, enkadrigitan samtempe en cirklo kaj en kvadrato.

Alia ekzemplo de natura matematikaĵo estas la ĉeesto de la serio de Fibonacci en arbokreskadoj. Ekde la trunko, la branĉoj aperas laŭ la serio 1, 2, 3, 5, 8, 13, 21, 34…. Unu el la proprecoj de tiu serio estas, ke la limeso de la divido de ĝiaj apudaj elementoj (1/2, 2/3, 3/5, 5/8, 8/13, 13/21, 21/34…) estas 0,618, tio estas, la inverso de la numero  (fi), kiu rilatas al la nomata ora proporcio, ofte uzata de artistoj serĉantaj harmonion kaj vidata en kelkaj plantoj, floroj kaj insektoj.

Kaj eble la plej mirinda matematikaĵo en la naturo estas produktata de la abeloj, kiel pruvis famaj sciencistoj de la 18a jarcento. Ili eltrovis, ke la abeloj konstruas la mielĉelojn celante havi maksimuman volumenon per minimumo da materialo, kaj ke ili atingas tion solvante problemon ne de simpla geometrio, sed de trigonometrio kaj de infinitezima kalkulo.

La laboro de la abeloj estas tiel preciza, ke ili fermas la ĉelojn per tri romboj, apudmetitaj laŭ angulo de 70º32'. Komence oni diris, ke la abeloj ne estas perfektaj, ĉar, laŭ la matematikisto Samuel König, la plej optimumiga angulo devus esti 70º34'.

Tamen poste alia matematikisto, Colin Mac-Laurin, konstatis, ke sia kolego uzis logaritmtabelon kun erareto. Refarinte la kalkulojn, Mac-Laurin pravigis la abelojn: la ĝusta fermangulo estas fakte 70º32'.



# Monumentoj en San-Paŭlo

MONUMENTO IPIRANGA



Dum pli ol tri jarcentoj, Brazilo estis kolonio de Portugalujo. Tamen, pro napoleonaj minacoj, la portugala kortego translokiĝis en Brazilon en la 18-a jarcento. Kiam ĝi revenis al Eŭropo, princo Petro restis en nia lando, kaj post multaj politikaj okazaĵoj, li fine proklamis la sendependecon disde Portugalujo, kaj fariĝis Imperiestro Petro la I-a.

Monumento Ipiranga, alinome Monumento al la Sendependiĝo de Brazilo, estas unu el la plej imponaj simboloj de San-Paŭlo. Ĝi situas proksime al la loko, kie Dom Petro la I-a, en la jaro 1822, sur tiam vasta kampo, proklamis la sendependecon de Brazilo. La monumenton oni inaŭguris je la 7-a de septembro 1922, sed plena kompletigo de ĝia konstruo okazis nur kvar jarojn poste.

La projekto rezultis de konkurso star-igita de la ŝtata registaro kaj venkita de la itala artisto Ettore Ximenes. Lian projekton oni tamen poste iom modifis por aldoni detalojn rilatajn al periodo de la historio, antaŭ la sendependiĝa tago mem.

Post kelkaj jardekoj oni aldonis elementojn al la konstruaĵo. Oni konstruis interne specialan ĉambron, kien oni transportis la korprestaĵojn de la imperiestro (tamen lia koro restis en la urbo Porto, en Portugalujo), en 1972; apude kuŝas la restaĵoj de liaj du edzinoj, Leopoldina (tie ekde 1954) kaj Amélia (tie ekde 1984). Amkaŭ kapelo ekzistas interne, kaj la tutan konstruaĵon oni povas viziti senpage, de mardo ĝis dimanĉo, de la 9-a ĝis la 17-a horo.

## Forpaso

***Elisa Rosa Camillo** naskiĝis en 1941 en la urbo São José do Rio Pardo, ŝtatinterno de Sanpaŭlo. Emerita instruistino, diplomiĝinta pri Beletro en USP, ekinteresiĝis pri Esperanto en 2006 kaj en la sama jaro aliĝis al EASP, kie ŝi ĉeestis plurajn kulturajn kunvenojn en la lasta sabato de ĉiu monato. Ŝi forpasis komence de septembro 2016, laŭ sciigo de la frato.*

# Kiu ridas, mizeron forigas.



GEEDZIĜO

La geedziĝa ceremonio fluas harmonie ĝis la kulmina momento, kiam la pastro laŭte admonas:

— Se ĉeestas iu homo, kiu kontraŭas la okazigon de ĉi tiu geedziĝo, tiam li diru tion nun, aŭ silentu por ĉiam.

Pasas kelkaj pezaj sekundoj.

Unu mano leviĝas.

La pastro diras, mallaŭte:

— Vi ne rajtas, filo mia! Vi estas la fianĉo!

ĈIT !!

Diskreta sinjoro venas en la superbazaron de la urbo kaj aĉetas la tutan stokon de tomatoj kaj ovoj.

Kiam li sin prezentas por pagi, la kasistino demandas:

— Ĉu vi ĉeestos la publikan paroladon de sinjoro urbestro, hodiaŭ vespere?

— Ĉit !!  Mi estas la urbestro!

# Dinĉjo kaj la Sorĉistino



# KRUCVORTO

*Ĉiuj indikoj en la grizaj kvadratoj rilatas al nia franco-devena omaĝato*

- Virseksa infan'
- Okup' celanta enspezon, plezuron
- Titolo de faka libro-kolekto verkita de li inter 1996 kaj 2002
- Ano de kelta popolo
- Nobla gas'
- Longa tabul' por sidi
- Esperanta titolo de lia trilingva membiografia verko eldonita en 1983
- Fest', ceremoni'
- Paroli en faka lingvo
- Persekuti bestojn
- Pronomo samsignifa kiel *"propra"*
- Granda komerca kunven'
- Eŭropa kaj azia arb', kies ligno tre valoras.
- Plaĉis al ĉiuj lia rolo de "Ĉasisto de (?)oj"
- Nedifina pronomo montranta aferon
- Filmarto
- Sufikso pri daŭro, pluigado
- "(?) de EASP", plia verko lia.
- Kolego
- "(?) ne sonĝis", titolo de unu el liaj fakaj broŝuroj pri la temo aviado
- Oficiala rekono
- Biblia patriarko
- Revuo por kiu li dum multaj jaroj artikolis
- Profesie li estis ...
- Enven' en iun lokon
- Marko de mult-nombro en E-o
- Kompakta disko (mall.)
- Hom' rigardata kiel savanto
- Ema al amuzo kaj gajeco
- Malhelpo, ĉagreno
- Nomaro
- Sufikso por montri ies okupon
- Latina dio samvalora al la greka Hadeso
- Sepa monato laŭ la gregoria kalendaro

Gilbert René Ledon (1931-2003)

Helpo: neon — mesi — 4/Oko; Noa — 3/fag

 *(Daŭrigo de la p.8)*

pedagogian helpon, per vizito al la nova lernejo de nia juna heroo.

Iam, hazarde, mi renkontis lian patrinon, kiu pli timema ol orgojla, raportis pri la decido de sia filo gvidi aŭtomobilon, kaj ĉifoje, ŝia peto temis pri mia interveno konvinki lin forgesi tiun danĝeran projekton.

Sed mi, unu plian fojon, rigardante transen, diris al ŝi ke mi tute fidas pri ŝia filo kaj ke ŝi devus fari la samon.

Sed ŝi insistis pri la angoro vidi la filon meze de tiu minaca trafiko... kaj la surdeco? Kiamaniere policanoj aŭ ŝoforoj scius pri tio?

Do mi klarigis al ŝi, ke ĉiuj surdaj ŝoforoj alportis identigilon propran, tio estas, universala simbolo kiel orelo sub strion gluitan sur la malantaŭa glaco de la aŭtomobilo, kiu identigas la fakton al aliaj ŝoforoj.

Rigardi transen... kiomfoje ni perdas oportunan okazon en nia vivo, ĉar la personoj, kiuj ĉirkaŭas nin kaj multe influas niajn decidojn, disvolvas la kulturon de neado kaj de timo rilate al ni...



## Ĉu poezio necesa? *Sylla Chaves*

*(Daŭrigo de la p.11)*

(...)
30. Kaj por ĉitiu tasko sennacia…
Ĉiunacia, tasko ja senbara,
Ĉitiu entrepren' senreligia
Kaj ĉiureligia, malavara,
Ne povas ĝeni min klaneco ia,
Ne taŭgos lingvo malpli ol homara,
Do, nur vi donos, lingvo Zamenhofa,
Tutecon de la mond' al eto strofa.

Jam publikigita en Esperanta Antologio – Poemoj 1887-1981, UEA 1984. Kaj en Brazila Esperanta Parnaso. Organizintoj: Sylla Chaves kaj Neide Barros Rego. Rio-de-Ĵanejro. 2007.



## Krucvorto - *Solvo*

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | L | | | T | | | | |
| K | N | A | B | | E | | | | |
| | | B | E | N | K | | | | |
| | S | O | L | E | N | | | | |
| Ĵ | A | R | G | O/N | I | | | | |
| | T | | O | | K | | | | |
| Ĉ | A | S/I | | F | A | G | | | A |
| A | N | A | L | O | J | | K | I | N/O |
| | A | | | I | K | A | R | O | |
| K | A | M | A | R | A | D | O | | M |
| | N | | G | | J | | K | D | O |
| I/N | Ĝ | E | N | I | E | R | O | | N |
| Ĝ | E | N | O | | R | I | D | E/M | A |
| | L | I | S | T | O | | I | S | T |
| | O | R | K/O | | J | U | L | I | O |

# 52-a Brazila Kongreso de Esperanto

## 37-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso

**Sorriso - MT**

**15 - 18 junio 2017**

**Por pliaj informoj vizitu la retejon *esperanto.org.br***



Brazila Esperanto-Ligo






n-ro 137




n-ro 138




n-ro 139




n-ro 140




n-ro 141

n-ro 142

## Mankas nur unu numero por kompletigi la jarkolekton 2016!

Se vi ne artikolis por la kvin jam aperintaj, ankoraŭ estas tempo por sendi vian tekston por la decembra numero!